12-a jaro. — N-ro 4 (134) APRILO 1926.

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

Fondita en 1908

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Fondintoj: L. CHAMPY, Fr. SCHOOFS, Am. VAN DER BIEST-ANDELHOF, J. VAN LAERE, Oscar VAN SCHOOR.

Direktoro:

**FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11**
ANTVERPENO

Redaktoro: M. JAUMOTTE.

Konstantaj kunlaborantoj: M. BOEREN, L. COGEN, W. DE SCHUTTER, S-ino L. FAES, H. PETIAU, F-ino R. SPIRA, F-ino J. VAN BOCKEL, J. VAN SCHOOR, H. VERMUYTEN.

Por la anoncoj oni sin turnu al:
**H. PETIAU, St. Lievenslaan, 60, GENTO.**

ENHAVO. — XV Belga Esperanto - Kongreso. — Programo. — Generala kunveno de Belga Ligo Esp.. — Komitata kunveno 28-3-1926. — Kunveno en Bruselo. — Lingva Komitato. — Akademio. — La Sonorilaro. — La Lingvoj en Persujo. — Edinburgo la Bela. — Belga Kroniko. — Programoj. — Belga Gazetaro. — Esperanto Facila: La Portreto de l'Avino. — La Fabelo de la Malnovaj Ŝuoj. — Esperanto, Lingvo de Radio. — Strato Zamenhof. — Polico. — Oficiala Instruado. — Esperanto kaj Stenografio. — Nekrologio. — Internacia Scienca Asocio. — Diversaj Informoj. — Solvoj de la problemoj Januaro kaj Februaro. — Bibliografio.

**JARA ABONPREZO: Fr. 10.—**
**EKSTERLANDE: Fr. 12.50**

ANTVERPENO
1926

# XVa Belga Kongreso de Esperanto

LA PANNE, 22-23-24 de Majo 1926.

ALIĜILO (nur popersona), resendota kiel eble plej frue, al «XV Belga Kongreso de Esperanto», De Panne, Sekretario S-ro J. Van Doren, Nieuwpoortlaan, 33. Poŝtĉekkonto No 1701.24.

Subskribant(in)o:

Nomo : ..........................................................

Profesio : ..........................................................

Adreso : ..........................................................

| | PREZOJ (en frankoj) po | sumo : |
|---|---|---|
| Kongresa karto | 5.— | .............. |
| Loĝado dum ...... noktoj (po 10, 12.50, 15) | .............. | .............. |
| Festeno | 17.— | .............. |
| Tagmanĝo en Oostduinkerke | 8.— | .............. |
| Suma pagota al poŝtĉekkonto No 1701.24 | | .............. |

Frs. ..............

INFORMOJ.

**Mi intencas alveni:** Sabaton 22an — Dimanĉon 23an Majo.

(forstreku la nekonvenan)

**Preferoj pri loĝado:** (Bonvolu indiki precize, ĉu vi alvenos sola aŭ ne, kaj ĉu vi deziras loĝi sola en aparta ĉambro, aŭ en unu aŭ du-loka lito kun aliaj kongresanoj en la sama ĉambro, k. t. p.

..........................................................

..........................................................

..........................................................

..........................................................

..........................................................

..........................................................

Dato kaj subskribo : ..........................................................

12a Jaro. N-ro 4 (134) Aprilo 1926.

# BELGA ESPERANTISTO

## MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

| Redakcia parto: | Abonoj kaj Monsendoj |
| --- | --- |
| FRANS SCHOOFS | FERN. MATHIEUX |
| 11, Kleine Hondstraat, Antwerpen | 94, Avenue Bel-Air, Uccle |
| Telefono 543.74 | Poŝtĉeko No 39984. |



## XVa Belga Esperanto-Kongreso

### BELGA LIGO ESPERANTISTA

De Panne, 22, 23, 24an de Majo 1926.

Estimata Samidean(in)o,

Ni havas la plezuron sciigi al vi, ke la XVa Belga Esperanto-Kongreso okazos en La Panne dum la proksimaj Pentekostaj festotagoj.

La programo, kunmetita de la loka organiza komitato, konkuras kun tiuj de la antaŭaj ĉiujaraj festoj de la Belga Esperantistaro. La kongresurbo mem, pro sia situacio, sendube allogos la Belgan Samideanaron por pasigi plej familie tri tagojn en trankvila kaj refreŝiga atmosfero apudmara.

La organiza komitato forte rekomendas, ke vi sendu vian aliĝilon kiel eble plej baldaŭ; ĝi insistas speciale pri tio, ĉar por la rezervigo de ĉambroj kaj por la aranĝo de la festeno estas necese, ke ĝi konu tre frue la proksimuman nombron de la partoprenontoj. Ne forgesu, ke La Panne estas urbeto tre ŝatata dum somero kaj precipe multe vizitata dum festa periodo kiel la Pentekosta.

Por faciligi la organizan laboron ni do povas konsili al ĉiuj tuj aliĝi kaj ni petas la grupestrojn, ke ili bonvolu kolekti la aliĝilojn kaj senprokraste ilin resendi al la organiza komitato, kiu deziras ricevi unu aliĝilon por ĉiu kongresano.

Esperante, ke — dank'al via kunlaboro — nia nunjara Ĝenerala Kunveno estos plia sukceso, ni prezentas al vi, kara Samidean(in)o, la esprimon de niaj plej sinceraj samideanaj sentoj.

Je la nomo de «Belga Ligo Esperantista»:

La Ĝenerala Sekretario, HENRI PETIAU.

La Prezidanto, A. J. WITTERYCK.

PROGRAMO de la XVa Belga Esperanto - Kongreso.

Sabaton, 22an de Majo. — En «Hôtel des Arcades»:

10a h. Akcepto de la kongresanoj;

20a h. Interkonatiĝa kunveno;

21a h. Kunveno de la Ligestraro kun la loka organiza komitato.

Dimanĉon, 23an de Majo.

10a h. Kunveno de la kongresanoj en «Hôtel de la Poste»;

10a h. 30 Oficiala akcepto en «Hôtel de la Poste»;

11a h. Ĝenerala Kunveno de «Belga Ligo Esperantista» en «Hôtel de la Poste»;

13a h. Fotografado de la kongresanoj sur la marbordo;

13a h. 30 Festeno en «Hôtel des Arcades»;

20a h. Balo kun intertempaj amuzaĵoj, en la belega dancosalono «Vieux Bruxelles».

Lundon, 24an de Majo.

9a h. Ekskurso (piede aŭ tramveture) al Oostduinkerke;

13a h. Komuna tagmanĝo en «Grand Hôtel» ĉe Samideano Benoît;

15a h. Promenado sur la marbordo kaj disiĝo.

---

(Plenigu kaj resendu kiel eble plej baldaŭ la ĉi kunan aliĝilon.)

---

Dum la fotografado kaj je kelkaj aliaj momentoj de la kongreso kinematografisto filmos la kongresanojn. La filmo estos montrata inter la «aktualaĵoj» en multnombraj lumbildejoj de la lando.

---

Loĝado. — La loka organiza komitato informas, ke estas ĉambroj por unu, du aŭ tri personoj po Fr. 10.—, 12.50 kaj 15.— por ĉiu persono kaj por ĉiu nokto (kun matenmanĝo).

---

ĜENERALA KUNVENO DE «BELGA LIGO ESPERANTISTA»

La Panne, 23an de majo 1926, je la 11a h.

TAGORDO:

1. — Malferma parolado de la Prezidanto;
2. — Raporto de la Ĝenerala Sekretario;
3. — Raporto de la Kasisto;
4. — Situacio de U. E. A. en Belga Teritorio dum 1925, Raporto de S-ro Fr. Schoofs, Ĉefdelegito.
5. — Raporto pri la unua jaro de la Festorganiza Klubo. S-ro L. Cogen.
6. — Parolado pri «Entuziasmo», de S-ro Paul Nyssens (Bruselo).
7. — Diversaj komunikaĵoj.

MANĜOKARTO DE LA KONGRESA FESTENO.

La Pann'a supo
Diversaj antaŭmanĝajoj «maison»
Plateso «Meunière»
Bov-superlumbaĵo «Jardinière»
Rostita bovidaĵo
Krustrostitaj terpomoj
Esperantista torto
1/2 botelo da vino.

---

# PROJEKTO DE PROTOKOLO PRI LA KOMITATA KUNVENO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA,

EN BRUSELO,

**Hotel du Moulin d'Or, 30, rue d'Assaut, dimanĉon 28an de marto 1926.**

---

La kunsido komenciĝis je la 10a sub la prezidanteco de S-ro Cogen, Vic-prezidanto, kiu anstataŭas S-ron Witteryck, malsana.

Ĉeestis: S-roj Cogen, Champy, Petiau, Mathieux, Schoofs, Ligestraranoj kaj S-ro Babilon, komitatano.

S-ino Elworthy-Posenaer kaj S-ro Van Schoor, gekomitatanoj, senkulpiĝis.

La jenaj grupoj estis riprezentataj:«Antverpena Grupo Esperantista», «Verda Stelo» «Suda Lumo» (Antverpeno); «Brusela Grupo Esperantista», «Genta Grupo Esperantista», «La Progreso» (Gento); «Liera Grupo Esperantiste», «Al Triumfo» (Sankta Nikolao), «Societo Esperanto de Spa», «Verviersa Grupo Esperantista» kaj «Esperantista Grupo de la Panne».

La grupoj el Bruĝo, Ledeberg kaj Sclessin senkulpigis sin. Tiuj el Boom, Charleroi, Lieĝo kaj Mehleno ne senkulpiĝis.

TAGORDO:

1. — **Akcepto de novaj grupoj.** — a) La grupo el La Panne estas aklame akceptita kaj S-ro Cogen deziras al nova grupo plej prosperan vivadon kaj grandan sukceson por nia proksima kongreso, kies organizadon niaj amikoj el La Panne tiel kuraĝe akceptis. b) La grupo «La Rekta Vojo» informis, ke ĝi ne povas aliĝi tiun ĉi jaron ĉar ĝia kotizo ne estas sufiĉa por enteni la abonon al B. E.; ĝi provizore reprenas sian aliĝpeton. Tamen, tiu grupo jam protestas kontraŭ la deviga abono al B. E. kvankam ĝia kotizo entenas devigan abonon al bulteno de neoficiala Esperantista organizaĵo! Tiu stranga kaj ne logika sintenado okazigas ĝeneralan diskutadon pri la deviga abono al B. E. Fine, la Komitato decidas, unu fojon por ĉiam, ke, ĉar la abono al nia Liga organo

estas deviga laŭ la regularo, la grupoj devas kliniĝi kaj aranĝi sian kotizon tiamaniere, ke ĝi entenu la abonon al B. E.

Pri la eventuala akcepto de la grupo «La Rekta Vojo», S-ro Jaumotte, Delegito de «La Verda Stelo» el Antverpeno, faras rezervojn, ĉar li dubas pri la bonaj intencoj de tiu nova grupo, kies Vicprezidanto faris personajn klopodojn apud la administracio de Antverpeno, por ke la urbestraro ne plu permesu al «Verda Stelo» organizi siajn kursojn en urba lernejo. Li miras pri la ĉeesto en nuna kunsido de S-ro Jacobs, kiu estas prezidanto de organizaĵo en Antverpeno, kiu same kontraŭbatalas la ligan grupon «La Verda Stelo».

S-ro Jacobs (Suda Lumo) diras, ke ĉiu estas libera agi laŭ sia opinio por atingi sian celon! S-ro Vandevelde (Genta Grupo) rimarkigas, ke grupaj kaj oficialaj kursoj tre bone povas okazi en lernejoj sen malhelpi unu la alian; li aldonas, ke grupo aŭ persono kiu malutilas al alia tre malbone agas kaj tia sintenado ne povas esti tolerata de la Ligo. (Ĝenerala aprobo.)

2. — **Financa situacio de la Ligo kaj de Belga Esperantisto.** — S-ro Mathieux, kasisto, klarigas la situacion. La enspezoj de la Ligo ne estas tiel gravaj kiel la pasintan jaron, precipe la donacoj. La kotizoj apenaŭ sufiĉas por pagi la administrajn elspezojn. La ĵurnalo ne havis deficiton sed, por ke ĝi povu aperi regule ĉiumonate, estas necese plialtigi la nombron de la abonoj. La grupoj devas do nepre abonigi ĉiujn siajn membrojn.

La Sekretario faras varman alvokon por ke oni havigu anoncojn por B. E. kiu fariĝus tre bona monhavigilo se ĉiuj volus helpi.

3. — **Kongreso en La Panne.** — S-ro De Mailly, Prezidanto de la «Ligue des Intérêts Matériels de la Panne» kaj S-ro Van Doren, Sekretario de la nova grupo kaj de la kongresa organiza komitato, konigas en ĝiaj grandaj linioj la programon de la kongreso. (Oni vidu tiun programon aliflanke en la nuna numero de B. E.)

S-ro De Boes (Sankta Nikolao) demandas ĉu ne estus eble publikigi en B. E. la nomojn de la gekongresanoj. S-ro Schoofs promesas tion fari.

4. — **Nia estonta agado.** — a) **Ĉe la Oficialuloj.** — S-ro Cogen pretigas taŭgajn dokumentojn sendotajn al la Oficialuloj.

b) **Ĉe la Radiofonaj stacioj: Bruselo kaj Antverpeno.** — S-ro Jaumotte sin okupas persone pri la radio-stacio de Antverpeno, kiu promesis disaŭdigi Esperantan kurson kaj paroladojn en kaj pri Esp. Ĝi baldaŭ funkcios. La Brusela grupo sin okupas pri la Brusela stacio kiu certe ankaŭ akceptos nian lingvon.

c) **Ĉe la radiofonaj revuoj.** — F-ino Jennen sin okupis pri la Bruselaj revuoj «Radio - Home» kaj «La Radiophonie pour tous» kiuj ankaŭ promesis publikigi Esperantan kurson. Novaj klopodoj estos farataj por efektivigi tiujn promesojn.

5. — **Fondo de «Belga Esperanto-Instituto».** — S-ro Jaumotte informas, ke, antaŭ kelka tempo «Verda Stelo» entreprenis kelkajn eldonajn laborojn, kun tiel bona sukceso, ke ĝi decidis iniciati starigon de akcia societo, kies celo estas traduki, verki kaj eldoni librojn pri kaj en Esperanto, propagandilojn, k. t. p. Tiu societo estas nun laŭleĝe fondita sub la nomo de «Belga Esperantisto - Instituto», koopera societo, kun akcioj de 100 fr. pagotaj 20 % je la subskribo kaj 10 % ĉiujare, se necese. La statutoj aperis en la ŝtata jurnalo «Moniteur»; unu el la artikoloj diras, ke parto de la estontaj profitoj iros al «Belga Ligo». La fondo de tiu koopera societo estis tre favore akceptata, ĉar post kelkaj semajnoj kapitalo de 13.000 frk estis subskribita!

S-ro Cogen varme gratulas la iniciatintojn, kiuj dotis nian landon per eldona societo, kiel en Francujo, Holando, k. c. el kiu nia belga movado certe rikoltos bonajn fruktojn; li ne dubas, ke ĉiuj fervoraj Samideanoj volos subskribi kelkajn akciojn de «Belga Esperanto - Instituto».

6. — **Alcentrigo de la propagando.** — a) **pli intenca grupa kunlaboro;** b) **eldono de propagandiloj: «Esperanto - Film». Ilustritaj p. k., afiŝoj, glumarkoj, k. t. p.** (Mehlena grupo.)

La grupoj sendu ĉiumonate antaŭ la 20a, al la Liga Sekretario raporteton pri sia agado aperontan en B. E. same kiel la sugestojn por plibonigi nian kumunan laboron. La ĵus fondita «Belga Esperanto - Instituto» okupos sin pri la eldonado de propagandiloj ĉiuspecaj.

7. — **Komuniko de la Esperantista Sekcio de la Universala Kongreso de stenografio okazonta en Bruselo en 1927.**

S-ro Cogen sciigas, ke grava ekspozicio de stenografio okazos en Bruselo proksiman jaron. Esperantista sekcio estos starigata kun varma apogo de la organizantoj. Ĉiuj interesatoj sin turnu al S-ro Cogen, 52, Dreve, Ninove, kaj sendu Esperantajn dokumentojn k. c. pri stenografio.

8. — **Reelekto de la Ligestraro.** — La Sekretario legas leteron de S-ro Witteryck, Liga Prezidanto, kiu sciigas, ke pro sia malbona sanstato li ne plu povas plenumi kiel li ĝin dezirus, sian prezidanton taskon; tial li petas, ke oni akceptu lian eksiĝon kiel prezidanto de la Ligo. La ĉeestantaro ekscias tiun malbonan novaĵon kun granda malĝojo sed ĝi estas unuanima por ne akcepti la eksiĝon de S-ro Witteryck, kiu jam de longaj jaroj tiel inde prezidas nian Ligon kaj povas ankoraŭ fari al ĝi grandajn servojn. La komitato esprimas al sia Prezidanto sian grandan simpation kaj deziras al li rapidan resaniĝon. La Ligestraro estas aklame reelektita.

9. — **Diversaj Komunikaĵoj.** — a) **Universala Kongreso de Esperanto en Antverpeno en 1928.** — La Sekretario sciigas, ke la Ligestraro difinis la 4 restantajn organizintojn de la 7a Kongreso por sinokupi pri la organizado de la Universala kongreso okazonta en Antverpeno en 1928. S-ro Schoofs diras, ke la provizora organiza komitato jam regule

funkciadas interkonsente kun la Ligestraro sed por ne malhelpi la kongresojn de 1926 kaj 1927 ĝi decidis ne jam fari publikan propagandon.

b) **Internacia Kongreso de la Esperantistaj Katolikoj.**

S-ro Desonay informas, ke la IIa Internacia Kongreso de la Esperantistaj Katolikoj okazos en Spa de la 14 ĝis la 17a aŭgusto proksima. Oni konigu ĝin en la lokaj ĵurnaloj kaj sendu ekzemplerojn al S-ro J. Desonay, 3, place des Glorieux Spadois, Spa. Li ankaŭ sciigas, ke gvidlibro en Esperanto pri Spa baldaŭ aperos.

La kunsido finiĝis je la 13a h. 10.

---

## EKSTERORDINARA KUNVENO DE LA BRUSELAJ GESAMIDEANOJ

Kunvokitaj de la Ligestraro okaze de la kunsido de la Liga Komitato, la Bruselaj Gesamideanoj kunvenis dimanĉon 28an de marto, je la 17a en «Hôtel du Moulin d'Or». La celo de tiu kunveno estis esplori la plej bonajn rimedojn por restarigi la movadon en la Ĉefurbo.

S-ro Cogen, Vicprezidanto de la Ligo, ĉirkaŭita de la plimulto el la Ligaj Delegitoj, prezidas. Dankante la fervorulojn, kiuj respondis al la Liga alvoko, li diras, ke estas kun granda plezuro, ke li eksciis, ke post longa dormado la movado vekiĝis en Bruselo kaj deziras grandan sukceson al la estonta laboro.

S-ro Mathieux, je l'nomo de la Bruselanoj, dankas la Ligestraron pro ĝia iniciativo. Li diras, ke post grandaj malfacilaĵoj oni trovis bonan sidejon en «Foyer Intellectuel» en St-Gilles, kie la Samideanoj nun regule kunvenas ĉiulunde. Tio antaŭvidigas bonajn rezultatojn.

S-ro Schoofs, je l'nomo de la Antverpenaj geamikoj, gratulas la Bruselajn pionirojn, kiuj prenis sur sin la restarigon de la movado. Li ne dubas, ke ili sukcesos ĉar organizemo ne mankas inter ili. Li donas klarigojn pri diversaj detaloj de la metodo de li uzata de 20 jaroj proksimume en Antverpeno,kie li per ĝi akiris bonegajn rezultojn. Por konservi entuziasmon inter la geesperantistoj, li konsilas la intergrupajn vizitojn kiuj naskis pli intiman kunlaboradon.

S-ro Jaumotte (Antverpeno) konsilas dividi la laboron donante al ĉiu taskon laŭ lia profesio. Pri propagando en ĵurnaloj oni nur sendu mallongajn artikolojn pri okazintaj faktoj sed ne pri la bono de Esperanto, kiu estas sufiĉe konata. Multaj mallongaj artikoletoj pli multe efikas ol grandaj, kiuj ne estas legataj aŭ akceptataj.

S-ro Bas (Bruselo) proponas, ke oni klopodu por ke «Radio - Belgique» akceptu disaŭdigi Esperantajn kursojn kaj paroladojn en kaj pri Esp. La Liga Sekretario diras, ke la Liga Komitato ĵus sin okupas pri tiu afero. La Brusela grupo interrilatis kun la estroj de «Radio - Belgique« kaj helpos la Ligon atingi sukceson.

S-ro Cogen dankas la ĉeestantaron pro ĝia kunlaboro kaj estas certa ke la sugestoj faritaj, multe helpos niajn Bruselajn propagandistojn.

La kunsido finiĝis je la 19a.

# LINGVA KOMITATO — AKADEMIO

**(El cirkulero 28 - 2 - 1926.)**

Kelkaj Esperantistoj plendas, ĉar la Akademio ne eldonas mem plenan Vortaron, ian Vortaregon. Post D-ro Zamenhof mi ripetas, ke tia ne estas la tasko de la Akademio. Vole nevole **oficialaj** estas ĉiuj prilingvaj decidoj de niaj Lingvaj Institucioj. Se, trograndigante sian rolon ili prenus sur sin «fari» la lingvon kaj enkonduki mem novajn radikojn, tia agado baldaŭ naskus, okaze de ĉiu novaĵo, senfinajn diskutojn inter Akademianoj, inter Lingvakomitatanoj, inter Esperantistoj. La jam sufiĉe grava rolo de la Lingvaj Institucioj estas konservi la Zamenhofan, Fundamentan Lingvon, kontroli ĝian evoluadon kaj la pliriĉiĝon de ĝia Vortaro, fine oficialigi tion, kio — estante konforma al la fundamentaj principoj — post praktika uzado montris sin vivkapabla kaj necesa. Oni aliparte ne forgesu, ke la ĉefa fonto de la «neologismoj», por Esperanto, kiel por ĉiuj niaj modernaj lingvoj, estas la teknika vortaro, kiu iom post iom influas la komunan lingvon, kiel la scienco mem la ĉiutagan vivon.

Ĉu tio signifas, ke oni ne devas kuraĝigi la sindonajn homojn, kiuj prenas sur sin gravajn, plenajn enketojn pri nia lingvo? Certe ne, ĉar iliaj laboroj metode kondukitaj, kvankam ne oficialaj, povos iam alporti plej grandan utilon, plej efikan kunlaboradon al niaj Lingvaj Institucioj.

Ĉu tio signifas, ke la Akademio rifuzas sian direktadon, siajn konsilojn al la verkistoj, al la Esperantistoj, kiuj ŝanceliĝas antaŭ aŭ inter novaj terminoj? Certe ne, kaj la tre kompetenta Direktoro de la «Sekcio pri komuna Vortaro», Prof. Grosjean-Maupin, estis kaj restas ĉiam preta, kun granda sindonemo, doni la petitajn sciigojn al tiuj, kiuj sin turnis al li kaj al tiuj, kiuj devus, pli ofte ol ili faras, sin turni al li. Tre prave kaj energie li insistis pri la danĝero enkonduki senpripense en nian komunan lingvon neologismojn kaj formojn duoblajn por sama ideo! Oni relegu, en «**Oficiala Klasika Libro**», paĝo 3 : «Konsiloj pri enkonduko de novaj vortoj».

* * *

Kvankam kelkaj eble malice mallaŭdas la ĉiaman ripeton de samaj konsiloj, mi denove imitos la roman censoron kun lia «Delenda Carthago!» kaj finos per tiuj vortoj:

« Nur per unueco, karaj Samideanoj, ni venkos.

» Unueco estas ebla nur per severa disciplino de ĉiuj akceptita en lingvaj demandoj kaj pri **ĉiu** detala punkto. » Tion mi ne plu ripetus se mi estus konvinkita, ke fine ĉiuj same opinias sed...

Eĉ guto malgranda, konstante frapante,
Traboras la monton granitan!

TH. CART,

Prezidanto de la Lingva Komitato kaj de ĝia Akademio.

# LA SONORILARO

**D. Van Haute (Ardoye 1869). Flandra poeto.**

Marŝanta, antaŭ l'horobat'
Kun festa bru', en brila stat',
Dum ludas la sonorilar'
Montriĝas sekvantar'.

———

Kvazaŭ el orienta ŝrank'
Aperas kaj sen ia mank'
L'antikva flandra heroar'
En ŝtalo ĝis la har'.

———

Dum gaja son', la procesi'
Kapklinas, levas dum l'ari'
Honorbastonon, glavon tuj,
Donitajn de Flandruj'.

———

Radias oraj kronoj kun
Fermaŝaj vestoj en la sun'.
Sed vico... kiam batas l'hor'
En sonĝo estas for.

**El la Nederlanda trad. Hector Vermuyten.**

---

# LA LINGVOJ EN PERSUJO

En Persujo diversaj lingvoj estas parolataj, el kiuj unu, la persa, estas la oficiala. Ĝi estas nomata «Faresi».

En la regiono Azerbaiĝano oni parolas la turkan lingvon, kiu diferenciĝas de tiu, parolata en Turkujo, tiel, ke nur la kleruloj el ambaŭ landoj povas interkompreni sin.

En Kurdistano, kie la kurdoj loĝas, oni parolas la kurdan lingvon kaj en Ĥozestano, la araban.

Krom tio loĝas en Persujo Armenoj, Hebreoj kaj Asirianoj, kiuj ĉiuj parolas sian propran lingvon.

Kvankam tiu lando estas tre diverslingva, la oficiala persa lingvo regas ĉion. Lernejoj, ĵurnaloj, institucioj uzas ĝin por korespondo, librotenado, reklamo, k. t. p.

Azerbaiĝano estis kaj ankoraŭ nuntempe estas la ĉefa parto de Persujo. Oni parolis tie la puran persan lingvon. Sed en la dekria jarcento, la gento Mogul, de tatara deveno, sub Ĝanĝiz-han, venkis la persan reĝon Mahommed Harezusŝahi kaj ekokupis la regionon. La enloĝantoj estis devigataj paroli turklingve, sed, ĉar tiuj ĉi malame rigardis la venkintojn, ili ne volis tion fari.

La reganto, Halaku-ĥan, nepo de Ĝanĝiz-ĥan, fortranĉigis la langon de tiuj, kiuj ne volis paroli turke aŭ li verŝigis fanditan plumbon en ilian gorĝon.

La Moguloj dum 83 jaroj superregis en la lando kaj, dum tiu tempo, ili detruis ĉiujn memoraĵojn de la antikva persa gloro. Ili bruligis bibliotekojn, buĉadis senkompate kaj faris ĉiajn sovaĝecajn agojn.

Nuntempe la praktika lingvo en Azerbaiĝano estas ankoraŭ la turka, sed ĉie ĝi estas anstataŭigata de la persa.

ALI-AKBAR MEMSEĈI, Del. U. E. A.,
en Tabriz (Persujo).

# EDINBURGO LA BELA

Kun espero, ke multe da legantoj de ĉi tiu artikolo aliĝos al la Dekoka Universala Kongreso de Esperanto, mi donas kelkajn faktojn pri la kongresurbo, iomgrade eltiritajn el la Anglalingve verkita Oficiala Gvidlibro de Edinburgo, havebla senpage laŭ peto adresita al «The Town Clerk, Edinburgh».

La «ĉefurbo de la Nordo» nun posedas preskaŭ duonmilionon da loĝantoj: ĝi estas la tria laŭ amplekso el ĉiuj urboj en Granda Britujo. Edinburgo certe estas unu el la plej belaj civitoj de Eŭropo: ĝi ankaŭ estas unu el la plej antikvaj. Ĝi estas urbo fama pri historio kaj romaneco. Tiel same, kiel Jerusalemo, Romo kaj Ateno, ĝi estas konstruita sur montetoj. Kiel turista centro Edinburgo staras sen konkuranto, ne nur pro sia situacio, natura beleco kaj historia intereso sed ankaŭ ĉar ĝi liveras neordinarajn facilaĵojn por vizitoj al aliaj belaj kaj famaj lokoj troveblaj en Skotlando.



Vizitante Edinburgon, la kongresano trovos interesajojn ĉiudirekte: la malnovan Palacon «Holyrood» apude de tiu leonsimila monto «Arthur's Seat» (Sidejo de Arturo),en kiu loĝis la senrompa vico da gereĝoj el la Stuart-a familio, de Jakobo la I-a de Skotlando ĝis la bela sed malfeliĉa reĝino Mario. La kastelo — pli malnova ol Kristaneco — ankaŭ altiros la atenton de la vizitanto. En ĝi la reĝino Mario naskis Jakobon I-an de Anglujo, heredonton de tri regnoj. Ne malproksime vivis kaj entombiĝis la mondfama predikisto John Knox. Lia domo estas unu el la vidindaĵoj de Antikva Edinburgo: lia tombejo estas en korto apude de la katedralo de Sankta Gilles, la historie interesega preĝejo en kiu okazos la ĉefa Diservo de la Kongreso. Mi dubas, ĉu ekzistas alia urbo, en kiu iam loĝadis tiel granda nombro da mondfamaj eminentuloj, kiel Edinburgo. Civito, kiu povas kalkuli civitanojn kiuj nomiĝas, ekz., Mario, Reĝino de la Skotoj, John Knox, la predikisto, Raeburn, la pentristo, Sir Walter Scott kaj Robert Louis Stevenson, la roman- kaj poeziverkistoj, krom multe da aliaj, posedas nomliston de famuloj ne facile superebla.

Se la animoj de forpasintaj geniuloj ankoraŭ vizitus siajn antaŭajn loĝejojn, Edinburgo estus plena de ili. Kvankam kongresano ne povos ilin vidi, li povos vidi iliajn domojn kaj tombojn, kaj la multe da belaj monumentoj, kiujn admirantoj konstruigis al ilia memoro. Plej notinda el tiuj konstruaĵoj estas la bela monumento al la glora Edinburgano, Sir Walter Scott.

Edinburgo do estas civito, kiu allogas ĉiajn inteligentajn homojn — ĝi faras alvokon al artistoj pro natura beleco, al antikvistoj pro historiaj interesaĵoj, al arkitektoj pro imponaj konstruaĵoj, kaj al literaturemaj homoj pro la kuneco de la urbo kun eminentaj verkistoj, tiaj ekz., Scott, Burns, Carlyle, De Quencey, Boswell, Stevenson, k. t. p.

La kongresejo jam estis sceno de Universalaj Kongresoj diversspecaj, kaj perfekte taŭgas por tia celo. Ĝi staras sur loko, kie iam estis la Palaco de Mario de Guise, vidvino de la Skota Reĝo Jakobo la V-a.

Venu do multnombre al Edinburgo. Vi ricevos ne nur plej koran bonvenigon de fervoraj samideanoj, sed ankaŭ oficialan akcepton de la Urbestro kaj Konsilantaro. Ni promesas montri al vi la vidindaĵojn de la urbo, kaj ankaŭ provizi ĉion plej bonan por kongresa programo belajn ekskursojn, ĉarmajn koncertojn, en kiuj montriĝos la glora heredaĵo de Skotaj kantoj, Someran Universitaton, ĉe kiu prelegos pri plej interesaj temoj eminentaj profesoroj el diversaj Eŭropaj universitatoj, kaj ankaŭ erojn, kiuj sendube igos la Dek - okan unu el la plej ĝuataj kaj profitdonaj el la tuta serio da Universalaj Kongresoj de Esperanto.

Aliĝu do frue, kaj tiel fortikigu la manojn de tiuj, kiuj forte laboras por sukcesigi la kongreson.

**Wm. HARVEY, L. K.**

---

# BELGA ESPERANTO-INSTITUTO

## EKSTRAKTO EL "MONITEUR BELGE" (Belgisch Staatsblad)

## (Belga Ŝtatgazeto de la 13a de Marto 1926a. — Akto No 2253.)

### Koopera Societo, en Antverpeno. — Fondo.

### Kleine Hondstraat 11, rue du Petit Chien.

(Traduko.)

Art. 1. — Inter la subskribintoj:

1. F-ino Caroline De Buyser, instruistino, 37, Krijtstraat, Antverpeno; 2. S-ro Edgard De Coster, asekuristo, 170, Kerkstraat, Antverpeno; 3. S-ro Antoine De Hondt, komerc-oficisto, 29, Beerschotstraat, Antverpeno; 4. S-ro Morris De Ketelaere, komercisto, 50, Lamorinièrestraat, Antverpeno; 5. S-ro Maurice Jaumotte, jurnalisto, 254-14, Lage Weg, Hoboken; 6. F-ino Jeanne Morrens, komercoficistino, 1-3, Happaertstraat, Antverpeno; 7. S-ro Frans Schoofs, societsekretario, 11, Kleine Hondstraat, Antverpeno; 8. S-ro Charles Van der Veken, librotenisto, 48, Antwerpsche steenweg, Oude God; 9. S-ro Jozef Van Gulck, bankoficisto, 314, lange Leemstraat, Antverpeno; 10. S-ro Oscar Van Schoor, apotekisto, 20, Vondelstraat, Antverpeno; 11. S-ro Nicolas Van Winge, librotenisto, 4, Mechelsche Plein, Antverpeno; 12. S-ro Gustave Vermandere, komercisto, 18, Vleminckxstraat, Antverpeno; 13. S-ro Vermuyten, oficisto de la urba administracio, 53, Gretrystraat, Antverpeno.

Kaj ĉiuj, kiuj estos poste allasataj en la societo, estas fondita koopera societo, kiu portas la nomon: «Belga Esperanto - Instituto».

Art. 2. — Ĝia sidejo estas en Antverpeno.

Art. 3. — Ĝi celas ĉu por propra konto, ĉu por konto de kaj kun aliuloj, iniciati kaj trakti librokomercajn aferojn, ekzerci la negocon de presisto-eldonisto, tiun de reklam- kaj abonagento por gazetoj, ĉio precipe kun rilato al la lingvo Esperanto, la makleradon inter Esperantistoj reciproke aŭ inter Esperantistoj kaj aliuloj, kaj la organizon de ĉio, kio povas utili, aŭ rilatas al la propagando de la lingvo Esperanto.

Ĝi povas per mon-enmeto, transskribo ,subskribo, kunfandiĝo aŭ kiel ajn, partopreni en ĉiuj entreprenoj, kiuj povas utili al la plenumado de ĝia negoco.

Art. 4. — La societo estas fondita por tempospaco de tridek jaroj, komenciĝanta hodiaŭ. Tiu tempospaco povos esti sinsekve plilongigata aŭ la societo povos esti antaŭtempe disigata, post decido de la ĝenerala kunveno, laŭ la maniero priskribita por ŝanĝoj de la statutoj. Ĝi povos subskribi interkonsentojn, kun validectempo, kiu superas ĝian daŭrperiodon.

Art. 5. — La societa kapitalo konsistas el akcioj de po cent frankoj, en nelimigita kvanto, je nomo, nedivideblaj, nur cedeblaj inter akciuloj post konsento de la administrantaro. La minimuma sumo, difinita je dekdumil kvincent frankoj estas kunmetita de la fondintoj de la societo kiuj subskribis cent du dek kvin akciojn kaj pagis la sumon de du mil kvincent frankoj.

Art. 6. — La nombro de akcioj de ĉiu societano estas ne limigita, tamen la administrantaro havas la rajton difini maksimuman nombron, kiu ne povas esti superata. Por ĉiu subskribita akcio estas tuj pagata kvinono de ĝia sumo. La administrantaro alvokos la monon, kiam ĝi opinias tion necesa; ĝi difinos la sumon kaj la datojn de la pago. La societanoj estos pri tio informataj unu monaton antaŭe.

Neniel tamen la administrantaro povos alvoki en la daŭro de unu societa jaro, pli ol 10 o/o de la subskribita kapitalo.

La administrantaro rajtas, post forpaso de 6 monatoj, de la tago de l'monalvoko, deklari senvaloraj tiujn akciojn, por kiuj ne okazis la alpago.

Pli fruaj alpagoj povas nur okazi kun la konsento de la administrantaro kaj laŭ la kondiĉoj de ĝi difinotaj.

Art. 7. — Krom tio estas kreitaj tri cent fondint-akcioj sen indiko de valoro, kiuj havas la samajn rajtojn, inkluzive la voĉdonrajton, kiel la societaj akcioj kaj rajtas al parto de la profito, laŭ artikoloj 22 kaj 23. Ili estas je nomo kaj nur cedeblaj inter societanoj post konsento de la administrantaro.

La nombro de fondint-akcioj, kaj la avantaĝoj ligitaj al ili, ne povas esti ŝanĝataj, eĉ ne per ŝanĝoj en la statutoj.

Por ĉiu akcio subskribita je la fondo, estas donataj al ĝia posedanto du fondint-akcioj. La kvindek restantaj fondint-akcioj estas cedotaj al la kvindek sekvantaj subskribontoj, po unu akcio por subskribo de minimume mil frankoj.

La fondint-akcioj estas komprenataj sub la ĝenerala titolo de akcioj.

Art. 8. — La societo havas limigitan respondecon; ĝi estas responda nur ĝis la sumo de sia societa havaĵo. La societanoj estas ligitaj nur aparte, neniu solidara ligaĵo ekzistas inter ili. Ĉiu estas nur responda ĝis la sumo de la akcioj de li subskribitaj.

Art. 9. — La administrantaro decidas pri la akcepto kaj la eksigo de societanoj kaj pri la redono de la pagoj de elirantaj membroj.

Art. 10. — La societo estas administrata de administrantaro konsistante el minimume kvin kaj maksimume naŭ administrantoj, nomitaj por ses jaroj de la ĝenerala kunveno de societanoj kaj ĉiutempe eksigeblaj de tiu ĝenerala kunveno.

Art. 11. — La administrantaro elektas en sia mezo unu prezidanton kaj unu sekretarion. La administrantaro ne povas valide pridiskuti se ne ĉeestas aŭ estas reprezentataj almenaŭ la plimulto de ĝiaj membroj. Je egaleco de voĉoj, decidas la voĉo de tiu , kiu prezidas la kunsidon de la administrantaro.

Art. 12. — La administrantaro povas doni al unu aŭ pli el siaj membroj, la titolon de administranto-delegito; ĉiu el la administrantoj havas la povon speciale donitan al li de la administrantaro.

Art. 13. — La administrantaro havas la plej vastan povon por plenumi ĉiujn agojn de administrado aŭ de organizo, kiuj interesas la societon. De ĝia kompetenteco estas ĉiuj agoj, kiuj ne formale estas rezervitaj laŭleĝe al la ĝenerala kunveno.

Art. 14. — Ĉiuj aktoj, kiuj ligas la societon, devas, escepte en okazo de speciala delego laŭ decido de la administrantaro esti subskribataj de du administrantoj. La korespondado kaj ĉiuj aliaj aktoj de la ĉiutaga direktado estos subskribataj de unu administranto. Se temas pri dokumentoj kaj kvintancoj por poŝto, fervojo, telegrafo, telefono, transportservoj kaj dogano, la administrantaro povos nomi rajtigiton.

Art. 15. — La kontrolo pri la societo estas konfidata al aro de minimume du kaj maksimume ok komisaroj, nomataj de la ĝenerala kunveno por 6 jaroj kaj ĉiutempe eksigeblaj de tiu ĝenerala kunveno.

Art. 16. — Por la regula plenumo de sia funkcio, devas garantidoni, ĉiu administranto kvin akciojn, ĉiu komisaro du akciojn.

Art. 17. — La administrantoj kaj komisaroj havas, rilate al sia funkcio, neniun personan devigon. Ili estas nur respondaj pri la plenumo de sia mandato.

Art. 18. — La ĉiujara ĝenerala kunveno okazas laŭstatute, la unuan dimanĉon de la monato Majo, je invito de la administrantaro, unuafoje en Majo de mil naŭcent dudek sep. La invitoj al la ĝenerala kunveno povas okazi per ordinara letero.

Plie estos publikigataj en la monata gazeto «Belga Esperantisto», ĉiuj komunikoj ne postulataj de la leĝo, sed kiuj povas interesi la akciulojn.

Art. 19. — La kunveno estas prezidata de la prezidanto de la administrantaro aŭ de la administranto kiu lin anstataŭas.

Art. 20. — Se temas pri ŝanĝoj en la statutoj, la ĝenerala kunveno povas valide decidi, nur kiam tiuj, kiuj ĉeestas la kunvenon, posedas almenaŭ la du trionojn de la akcioj.

Art. 21. — Je la dekunua de Marto de ĉiu jaro kaj unuafoje je la tridek unua de Marto mil naŭ cent dudek sep estos fermataj la kontoj de la societo kaj estos farataj de la administrantaro, inventaro kaj la bilanco kaj konto de profito kaj perdo, konforme al la leĝo.

Art. 22. — La profita saldo de la bilanco, post depreno de ĝeneralaj elspezoj, societaj ŝarĝoj kaj amortizoj de almenaŭ 2 o/o sur la nemoveblaj posedaĵoj kaj 15 o/o sur la aliaj havaĵoj, estas la neta profito.

De tiu ĉi profito estas antaŭe deprenataj: 1) 5 o/o por la laŭleĝa rezervo. Tiu ĉi depreno ĉesos esti deviga tuj kiam la rezervo atingos unu dekonon de la societa kapitalo; 2) la sumo necesa por pagi 5 o/o al la alvokita parto de la akcioj .

De la saldo estos dediĉata 20 o/o al la administrantaro kaj al la komisararo; la divido okazos laŭ interkonsento reciproka, tiamaniere ke la parto de komisaro ne superu la duonon de tiu de administranto.

La tiam restanta saldo estos fine dividata jene: 1) 25 o/o al la fondintakcioj; 2) 25 o/o al la akciuloj; 3) 25 o/o al eksterordinara rezervo ;4) 25 o/o al «Belga Ligo Esperantista», kiu povas ĝin uzi por propagandaj celoj, pri kiuj decidos nerevokeble la Estraro de tiu Ligo.

Art. 23. — Eventualaj perdoj, post elĉerpo de la rezervoj kaj de ĉiuj aliaj rimedoj, estos pagataj de la akciuloj laŭ proporcio de ilia partopreno.

**Intertempaj aranĝoj.**

La nombro de administrantoj estas de la hodiaŭa ĝenerala kunveno fiksita unuafoje je 6, kaj la nombro de komisaroj, je 5. Estas nomataj per unuanima voĉdono por daŭro de ses jaroj, kiu finiĝas tuj post la ĝenerala kunveno de 1932:

A. Administrantoj: S-roj Edgard De Coster, Morris De Ketelaere, Maurice Jaumotte, Frans Schoofs, Oscar Van Schoor kaj Gustave Vermandere.

B. Gekomisaroj: F-ino Caroline De Buyser, S-ro Antoine De Hondt, F-ino Jeanne Morrens, S-roj Charles Van der Veken, kaj Hector Vermuyten.

Ĉiuj suprecititaj, kiuj akceptas.

Farita duekzemplere en Antverpeno, la 1an de Marto 1926a.

(subs.) Maurice Jaumotte, Frans Schoofs, Edgard De Coster, Oscar Van Schoor, Jozef Van Gulck, Caroline De Buyser, Hector Vermuyten, Gustave Vermandere, Antoine De Hondt, Morris De Ketelaere, Charles Van der Veken, Jeanne Morrens, Nicolas Van Winge.

Registrita en Antverpeno (Admin. kaj Private subskribitaj aktoj), la 5an de Marto 1926, vol. 75, folio 32, fako 16. tri folioj kaj unu signeto, ricevis frankojn 150. La registristo (subskr.) J. VAN DEN BERGHE.

Deponita en la Komerca Juĝoregistrejo, de Antverpeno, la 8an de Marto 1926.

# Enskribilo

Al la Administrantaro de "BELGA ESPERANTO-INSTITUTO"

(Koop. Soc.)

Kleine Hondstraat, 11, rue du Petit Chien,

ANTVERPENO.

Sinjoroj,

La subskribinto, (Nomo): ..............................................

Profesio : ..............................................................

Adreso : ..............................................................

petas mian aliĝon al via koopera societo, en kiu mi deziras partopreni kun ...................................... akcioj de po CENT frankoj nominale. De la tuta sumo de la akcioj de mi subskribitaj, tio estas ...................................... frankoj mi pagas hodiaŭ al via poŝtĉekkonto No 1689.58 unuan pagon de 20 %, tio estas ...................................... frankoj.

(Loko:) ...................... la ......an de ...................... 1926.

Subskribo: ..............................

# BELGA KRONIKO

ANTVERPENO. — La «Lingvo - Rondo» de la Sindikato de Komerc- kaj Industrioficistoj organizis la 29an de Dec. 1925 paroladon de S-ro Adv. Vlietinck pri «Mondpaco kaj mondlingvoj». — La parolanto konsentis pri la praktika utileco de artefarita lingvo, precipe de Esperanto, kiu jam faris al si rimarkindan lokon en la tutmonda vivo. Li tamen ne estas konvinkita pri la estonto de nia lingvo, rilate ĝian unuecan elparoladon. Li ankaŭ opinias, ke akcepto de unu lingvo helpa, ne progresigos la ideon de mondpaco. — La 23an de Februaro nia amiko Oscar Van Schoor defendis en la sama mezo nian lingvon. Li parolis pri la konstruo kaj pri la Historio de Esperanto, kaj renkontis unu post alia ĉiujn argumentojn de S-ro Adv. Vlietinck, kiu — ĉeestante — deklaris sin konvinkita, pri ĉio krom pri du punktoj, nome: pri la efikeco de mondlingvo rilate la ĝeneralan pacon kaj pri la taŭgeco de Esperanto kiel lingvo de la Juro.

---

ANTVERPENO. — LA VERDA STELO. — La 6an de Marto, la grupo organizis en sia kutima ejo, «Witte Leeuw», muzikvesperon, kiu lasis plej agrablan rememoron. Sin aŭdigis talentplene F-ino De Waegenaere, S-roj Van Winghe kaj François, per fortepianludo, S-ro Vermuyten, per deklamado kaj S-ro Boeren per violonĉelludo, akompanata piane de F-ino Van Bockel, kiu, krom tio, kunlaboris per pentrado de diversdesegna programo por ĉiu ĉeestanto.

La maskobalo de la 13a de Marto, en «Quatre Nations», havis la kutiman sukceson.

Dum la sabata kunveno de la 20a; la membroj lernis kaj kantis Esperantajn kantojn kaj amuzis sin per solvado de problemoj kaj enigmoj. La ĉiumonate ĝenerala kunveno de la membroj, kiu devis okazi la 27an, estis prokrastita ĝis la 10a de Aprilo.

BRUĜO. — La Bruĝa grupo ĉiam ageme laboras. Kurso komenciĝinta kun 105 gelernantoj sur la lerta gvidado de la agema Prezidanto S-ro Dervaux finiĝis la 4an de marto kun 60 fervoruloj. Tiun bonegan rezultaton oni certe ŝuldas al la klereco de la profesoro. Dankis S-ron Dervaux: F-ino Lefèvre en la nomo de la gelernantoj; F-ino Thooris, la eksprezidantino kaj nuna Honora Vicprezidantino de la grupo, je l'nomo de Belga kaj Bruĝa Esperantistaro. Granda entuziasmo regis inter la ĉeestantaro. La grupo, kiu atingis sian 100an membron jam havigis multajn abonojn al B. E. kaj aliaj ankoraŭ sekvos. Jen imitinda ekzemplo.

La 2an de marto okazis kunveno de la membroj de U. E. A. kun la gegrupanoj al kiuj F-ino Thooris, la tre sindonema Delegitino de U. E. A. konigis la servojn de nia granda asocio, al kiu dekduo aniĝis.

BRUSELO. — Neŭtrala grupo de la Esperanta movado «Brusela Grupo Esperantista» restariĝis kiel sekcio de popola universitato «Foyer Intellectuel» en St- Gilles. Ĝin gvidas provizore la komitato de la grupo

«Antaŭen». La kunvenejo estas la sidejo de la suprecitita organismo 13, Sterckxstrato. Kunvenoj okazas ĉiulunde je la 8a. La kotizaĵo estas fiksita je 24 fr. jare enhavante abonon al B. E. kaj membrecon de «Foyer». La dusemajna bulteno de tiu forta asocio jam publikigis artikolon pri nia lingvo. Perfektiga kurso okazas. Samideanoj bonvolu ĝin viziti.

GENTO. — «Genta Grupo» donis la 20an de marto grandan propagandan artan feston, kiu tre bone sukcesis. Oni havis la plezuron aŭdi S-inon De Bisschop kaj S-ron Lambrechts la bone konatajn geartistojn kiuj kantis en Esperanto kaj havis grandan sukceson.

Lundon 22an de marto la «Soc. Gantoise pour l'Expansion des Relations Mondiales» propaganda sekcio de «Genta Grupo», faris tre interesan paroladon kun lumbildoj pri Ĉekoslovakujo. Estis taŭga okazo por fari propagandon por Esperanto kaj konigi ĝian organizadon.

---

# PROGRAMOJ.

St. NIKLAAS (W.) Je la 8a de Majo, la loka grupo «Al Triumfo» organizas intiman festeton kun vespermanĝo, inter siaj gemembroj kaj honoraj membroj, en la hotelo «La Aglo» (Den Arend). Detala programo pri la muzika parto aperos poste. Okazos ankau loterio kun interesaj surprizoj. La komitato de la grupo petas, ke ĉiuj grupanoj partoprenos!

---

## BELGA GAZETARO.

ANTVERPENO. — «Concordia» (6, 13, 20-3-26): malgrandaj notoj el la historio de la Esperanta Movado. Anonco pri kurso malfermota la 13-an de aprilo en «La Verda Standardo». Esperantista sekcio de Sindikato de komerc- kaj industrioficistoj.

«De Diamantbewerker» (27--2): invito por ĉeesti kunvenon de la Antv. Grupo de Diamantistoj Esp.

BRUSELO. — «Revue Sténographique Belge» (Marto): bonega dokument - artikolo de S-ro Cogen pri organizo de Esp. sekcio en la Internacia Kongreso de Stenografio;

«De Toerist»: artikolo en flandra lingvo pri la insulo Tristan da Cunha, kun cito: «laŭ Esperanta originalo», de nia amiko Remi Van Eynde.

BRUĜO. — «Brugsch Handelsblad»: (6-2) por la instruado de Esperanto en la lernejoj, parolado Oltramare). (27-2): du artikoletoj pri la progresoj de nia lingvo.

MEĤLENO. — «Gazet van Mechelen»: (11, 24-2): notoj pri Esperanto kaj radio.

NAMURO. — «Province de Namur»: (8-2): bibliografia noteto pri «B. E.»

LA PANNE. — «La Panne - Plage» (21-3): Ni rimarkas el raporto pri teatra «Revuo» loka, ludita en Palace - Theatre, ke Esperanto estas objekto de sceno en la 2a akto. (Ni tre dezirus ricevi la tekston de la koncerna parto.)

---

## RADIO-GAZETARO.

«Gids voor den Model - Mekanieker, Elektrieker en Radio-Liefhebber», Antverpeno, Vleminckxveld, 5. — No de Marto 1926: Dupaĝa propaganda artikolo por Esperanto verkita de Ing. M. Somerling. Tiu artikolo bonege konceptita estas enkonduko al publikigo de kurso gvidota de la sama samideano.

«Radio-Home», Bruselo, rue de l'Hôpital, (10 Marto 1926): statistiko pri la jam radie faritaj Esperantokursoj kaj paroladoj en Esperanto.

# ESPERANTO FACILA

## LA PORTRETO DE L' AVINO,

de Virginie Loveling.

En ĉambro avina pendas bild'
El ŝiaj infanjaroj:
Okuloj perlaj, rida buŝ'
Kaj brunaj, krispaj haroj.

Rigardis la infanoj ĝin,
Kaj ĉiuj diris : «Kiam
Ĉi tie estus la infan'
Ni kune ludus ĉiam.»

En apogseĝo la avin'
Ridetas kaj aludas:
«Nu, kiu estus la infan'?»...
Kun ĝi vi ĉiam ludas.»

El la flandra lingvo tradukis:
Jan Van Schoor.

# LA FABELO DE LA MALNOVAJ ŜUOJ

Iam estis riĉa kamparano. Li estis avara kaj donis neniam ion al la malriĉaj homoj. Li rigardis ĉiam minace kaj grumblis la tutan tagon. Siajn servistojn kaj servistinojn insultis li ĉiuokaze kaj li estis nur afabla kontraŭ sia fileto. Nu, la knabo estis tre malfeliĉa : li havis paralizitajn krurojn kaj marŝas tre malfacile per du lambastonoj. Kaj tamen li neniam estis malĝoja. Li sidis dum multaj horoj ĉe la fenestro kaj rigardis la knabojn, kiuj ludis antaŭ la domo. Dum la Vintro li vidis ilin gliti kaj jeti per neĝbuloj kaj dum la Somero li ridis de iliaj strangaj rulfaloj kaj de iliaj senpripensaj saltoj. Tiam li kunfrapis la manojn pro plezuro kaj ridegis. Kaj kiam la suno restis brilanta kaj kiam estis varme, tiam nia knabo povis sidi ekstere en sia granda seĝo. Tiam li estis vere gaja kaj ridis dolĉe kiam la milda venteto karesis lian vizaĝon.

Iun tagon li sidis ree tiel senmove en la suno kaj rigardis la bovinojn en la herbejo kaj la gajan kaprinon, kiu rondsaltetis en la kampo. Apud li staris granda korbo plena de dikaj, bluaj prunoj.

Tie alvenis maljuna virineto laŭ la barilo. Ŝi portis foruzitajn vestajojn kaj sur ŝia dorso pendis sako. Ŝi haltis antaŭ la pordeto.

«Kara knabo, mi tiel malsatas. Donu al mi ion por manĝi.»

«Eniru, virineto, kaj plenigu vian poŝon per prunoj.»

«En mia poŝo estas ĉifonoj, malnovaj ŝuoj kaj tukpecetoj kaj du plenmanoj da prunoj min sufiĉas tute.»

Kiam la virineto prenis la prunojn, ŝi rigardis afable la knabeton kaj donis manon al li.

«Dankon, kara knabo, mi neniam, neniam forgesos tion. Vi havas bonan koron.»

La paralizita infano postrigardis ankoraŭ longtempe la malriĉan ĉifonulinon kaj kiam li ne plu vidis ŝin, li ekploris.

Lia patro venis ĉe li kaj demandis lin kial larmoj staris en liaj okuloj?

— Oh, Paĉjo, mi mem ne scias kial, sed mi donis iom da prunoj al maljuna virineto kaj ŝi estis tiel afabla, tiel afabla.

— Stulta infano, tion vi neniam povas fari. Almozuloj estas mallaboremuloj, kiujn vi devas forpeli.

— Sed, Patro, ŝi estis tiel maljuna kaj tiel malriĉa kaj ŝi petis ĉifonojn de la homoj.

— Ta, ta, ta! Estas tute egale!

La kamparano portis rapide la korbon en la domon.

* * *

Sekvantan tagon, staris antaŭ la pordo de la domo paro da eluzitaj infanŝuoj.

«Kiu portis tion tie ĉi?» demandis la kamparano al sia servisto.

«Tion mi ne scias, mastro. Tiujn ŝuojn vidis mi jam tie ĉi tre frumatene.

«Forĵetu ilin! Kion povas mi fari per tiuj aĵoj?»

La servisto ĵetis la ŝuojn sur la sterkejon.

Kiam la kamparano forlasis la sekvantan tagon la domon, la ŝuoj denove staris antaŭ la pordo. Nun li koleriĝis terure kaj li vokis sian serviston.

«Vi incitas min per tiuj foruzitaj ŝuoj. Vi metas ilin tie ĉi. Faru vian pakon kaj foriru. Mi mem nun ĵetos tiujn ŝuojn.»

La servisto diris ke li sciis nenion, sed tio ne helpis. Li devis foriri.

La trian tagon la ŝuoj ree staris antaŭ la pordo. La kamparano ruĝiĝis pro kolero. Li forbatis ilin per la piedo en la rivereton antaŭ la domo.

Tagmeze, kiam la suno varmbrilis, la paralizita knabeto sidis ekstere Li rigardis iun papilion, kiu flugis alte en la blua aero.

Subite li vidis apud sia seĝo paron da foruzitaj ŝuoj.

He, kion faras ili tie ĉi?

Li prenis ilin kaj pririgardis ilin ĉiuflanke. Kiel la ledo estis delikata kaj mola kaj kiel ili estis dolĉe provizitaj de subaĵo.

«Tio estas miriga; se mi metus ilin! Manjo, venu por helpi min».

Mario, la servistino alkuris rapide al la knabo kaj ŝi tre miris. Ŝi helpis lin meti la malnovajn ŝuojn.

«O, o, o, kio estas tio? Manjo mi povas leviĝi. Paĉjo, paĉjo, mi kapablas kuri. Venu, paĉjo!»

La kamparano aŭdis la ĝojan kriadon de sia fileto. Li tuj estis apud sia infano kaj jen; tiu staris lia fileto rekte levita en la foruzitaj ŝuoj. La patro ĉirkaŭbrakis sian filon.

«Infano, mi scias kiu helpis vin.»

«Mi ankaŭ, diris la knabeto, tiu maljuna virineto, kiu tiom malsatis».

**El la flandra originala «Binnen en Buiten», de Fons Van Hoof.**

**Tradukis Willy De Schutter.**

# ESPERANTO, LINGVO DE RADIO

Ĉiuj niaj legantoj certe konscias pri la graveco de la nuna propagando de Esperanto ĉe radiistoj. Necese estas, ke ni esperantistigu multajn radiistiojn kaj.por tio,ke ni igu por ili Esperanton utila.Ankaŭ, ni devas radiistigi kiel eble plej multajn Esperantistojn,montrante al ili, kiel facile kaj interese estas konstrui mem radio - ricevilon, por ke multaj el niaj samideanoj aŭskultu la sendojn de la radio - stacioj kaj povu instigi ilin al uzado de Esperanto aŭ gratuli ilin pro ĝia uzado.

Tial ni kun ĝojo salutas la aperon de la unua numero de «Internacia Radio Revuo», monata organo de «Internacia Radio - Asocio». Dank' al ĝi Esperanto utilos ne nur al nunaj Esperantistoj, kiuj trovos en ĝ: ĉiajn konsilojn necesajn, por konstrui mem malkare radio - aparatojn, sed ankaŭ al radiistoj ankoraŭ ne esperantistoj, kiuj legos en ĝi internaciajn informojn alie ne haveblajn, se nur ili konsentos dediĉi t:e malgrandan penon al ioma lernado de Esperanto.

«Internacia Radio Revuo» ja celas kontentigi jenajn kategoriojn de legantoj:

1-e Esperantistojn, kiuj interesiĝas pri Radio, pri uzado de Esperanto en Radio, kiuj volas propagandi Esperanton inter radiistoj aŭ deziras fariĝi radio - amatoroj;

2-e Komencantajn radio - amatorojn, bezonantajn sisteman gvidadon en ilia laboro, emajn ekkoni la teorion, la «misterojn» de Radio, solvi multajn dubindajn problemojn, kiujn ili renkontas dum sia laboro;

3-e Spertajn radio - amatorojn, kiuj volas trovi la kronikon de la tutmonda radio - movado, analizojn de plej interesaj artikoloj el la tutmonda radio - literaturo, lastajn novaĵojn kaj inventojn.

La unua numero entenas interalie originalan artikolon pri propagiĝo de la elektro - magnetaj ondoj, verkitan de nia fama malnova samideano, profesoro Mesny; konsilojn pri diversaj metodoj por instalado de antenoj; detalan priskribon de malmultekosta facile konstruebla ricevaparato ; unuan artikolon el teoriaj babiladoj «Paŝo post paŝo», humoran felietonon «Zoologia studo pri la radio-amatoro»; artikolojn de la ĉef - redaktoro D-ro P. Corret, pri la propagando de Esperanto ĉe radiistoj kaj pri la Esperanta teknika radio - vortaro; detalan kronikon de la radiista kaj radi - esperantista movado, k. t. p. Bela kovrilo kaj multenombraj inlustraĵoj certe ne malplaĉos al la legantoj.

La unua numero estos senpage sendata al ĉiu esperantisto, kiu mendos ĝin de la eldonisto, sendante samtempe, por la sendelspezoj, unu internacian respondkuponon (por Francujo unu 30-centiman poŝtmarkon). Nepre mendu ĝin, ĉar dank' al ĝi vi povos tre malmultekoste konstrui vian propran aparaton.

La abonprezo por unu jaro estas nur duon - dolaro. Via esperantista devo estas aboni, por subteni la tiel gravan propagandon de Esperanto ĉe radiistoj, samtempe havigante al vi tre interesan kaj fruktodonan legaĵon.

La abonmendojn sendu laŭ adreso: «Internacia Radio Revuo», E. Chiron, eldonisto, 40, rue de Seine, Paris, 6e.

## STRATO ZAMENHOF

La urbestraro de Dresdeno decidis doni la nomon de D-ro Zamenhof aŭtoro de Esperanto, al strato en antaŭurbo Leuben. En la sekvantaj lokoj jam ekzistis strato Zamenhof: Sotteville-lez-Rouen (Francujo), Terassa kaj Sabadell (Hispanujo), Bialystok (Polujo) kaj Kaunas (Litovujo).

## ESPERANTO EN LA POLICO

Okazas nun kurso por la policanoj de Lisbono (Portugal). La Prezidanto de la loka Policista Grupo Esperantista estas Leŭt. Kolonelo Ferreira do Amaral, Ĝenerala Polickomisaro.

Kurso komenciĝis ankaŭ en la Polica Lernejo de Riga.

## OFICIALA INSTRUADO DE ESPERANTO

En Supera Lernejo de Riga okazas tri oficialaj kursoj de Esperanto, sub la aŭspicoj de la Ministerio de Publika Instruado.

Deviga kurso estas organizita en la Urba Komerca Lernejo de Lyon.

Deviga kurso estas farata en la Urba Lernejo por knabinoj en Bratislava (Ĉehoslovakujo). En tiu sama lando ekzistas oficialaj kursoj en la supera Min-lernejo de Pribram, en la Komerc-Akademioj de Hradec-Kralove kaj de Olomouc, en la Komerca lernejo de Brno kaj en la Liceo de Hradec-Kralove.

Post enketo de la Fervoja administracio en Aŭstrujo, 1100 fervojoficistoj en 100 lokoj sin enskribis por sekvi anoncitajn kursojn, kiujn dirita administracio organizas.

## ESPERANTO KAJ STENOGRAFIO

Dum aŭgusto 1927 okazos en Bruselo la 13a Universalo Kongreso de Stenografio. La organizantoj intencas doni al ĝi la karakteron de grandioza mondmanifestacio. Dum ĝia daŭro okazus stenografia tutmonda ekspozicio. Tuj de la decido pri tiu kongreso, la Internacia Asocio de la Esperantistoj - Stenografistoj sin turnis al la organizantoj por peti, ke

tiu kongreso enhavu ankaŭ Esperantan sekcion kun speciala Esperanto stenografia fako en la ekspozicio. Tiu afero ŝajnas esti en tre bona vojo. Le Revue Sténographique Belge publikigas en sia februara No longan leteron de nia franca samideano Flageul, prezidanto de l'jus nomita Asocio, en kiu li klarigas la rolon tre gravan ludotan de tia sekcio dum la Kongreso. La sama numero enhavas la raporton pri vizito farita kun la sama celo al S-ro De Baerdemaeker, direktoro de la Revue Sténographique Belge, de S-ro Cogen kaj lia edzino. Ĉi tiu lasta promesis sian muzikan helpon al la festoj de la kongreso.

La numero de Marto de suprecitita «Revue Sténographique Belge» sciigas, ke propono de S-ro Flageul, celanta efektivan partoprenon de la Esperantistaj stenografiistoj en la laboroj de la 13-a kongreso, estas entuziasme akceptita en la kunveno de la 13-a de Marto de la Organiza kongreskomitato. — La sama numero enhavas elokventan pledon de S-ro L. Cogen por nia lingvo: la aŭtoro konkludas la necesecon krei en dirita kongreso sekcion de Esperantistoj.

## NEKROLOGO.

Oni sciigas al ni la morton de S-ino J. JANSSENS - VAN CANT, patrino de S-ro Louis Janssens, prezidanto de la Sindikato de la Oficistoj de Komerco kaj Industrio, membro de la honora komitato de nia Antverpena Komitato por Komerca Lingvo Internacia. Ni prezentas al li la esprimon de nia plej sincera kondolenco.

S-ro DENIS DIELEN, instruisto, membro de «La Verda Stelo», mortis 24 jara, post longedaŭra malsano. Li estis inteligenta kaj bonkora junulo. Al lia funebranta familio ni prezentas nian grandan simpation kaj sinceran kondolencon.

## INTERNACIA SCIENCA ASOCIO ESPERANTISTA.

### Metodo de Propagando en la scienca kaj teknika gazetaro.

En antaŭa noto pri tiu temo (vid. HEROLDO Nro 92-1925), ni proponis metodon por utiligi resumojn de artikoloj redaktitajn en Esperanto.

Per tiu metodo la direktoroj de la Revuoj interŝanĝas tiujn resumojn; tiamaniere ĉiu el ili ricevas la resumojn de ĉiuj samfakaj Revuoj.

**Sed se ekzistas en iu fako Centra internacia organismo: federacio, asocio, oficejo, k. t. p., pli taŭga solvo estas. ke ĝi publikigu mem aŭ per kontrakto kun eldonisto la semmankan aron de tiuj Esperanto - resumoj, senditaj al ĝi de ĉiuj samfakaj Revuoj.**

Post kiam la interŝanĝado, pri kiu ni antaŭe parolis, estos organizita kaj montros sian profiton, oni devos klopodi por atingi tiun alcentrigitan publikigadon; ĉar ĝi estos certe realigata en la estonteco, kiam Esperanto estos universale uzata.

Efektive ĝi alportos al ĉiu fakisto eblecon koni, dank'al tiu bibliografio, la verkojn faritajn aŭ komencitajn en ĉiuj landoj rilate al la demandoj, pri kiuj li laboradas: kaj pli ĝenerale li povos konstati la temojn nune plej interesindajn kaj la faritajn progresojn en la tuta mondo. Pro tio, tiu kompleta bibliografia verkajo havos multnombrajn legantojn kaj abonantojn (fakajn bibliotekojn, lernejojn kaj Institutojn); sekve oni trovos facile Eldoniston, se la faka centra organismo ne povas eldoni mem tiun gravan verkon.

ROLLET DE L'ISLE, ĝenerala Sekretario.

**Fondo de Biblioteko propaganda.** — Por pli facile propagandi en la Sciencaj kaj Teknikaj rondoj, la Internacia Scienca Asocio Esperantista bezonas posedi specialan Bibliotekon, konsistantan el ĉiuj libroj kaj broŝuroj jam eldonitaj en Esperanto pri iu **Scienca aŭ Teknika** temo; tial ĝi faras alvokon al ĉiu, kaj speciale al la eldonistoj de Esperantaj verkoj, por ke ili kolektu la tiaspecajn dokumentojn, kaj ilin sendu al la ĝenerala Sekretario de Scienca Asocio 35, rue du Sommerard, PARIS.

La Scienca Asocio danke ilin ricevos, kaj repagos la sendelspezojn al ĉiu malavara donacinto.

Pri pagotaj libroj, faru proponojn al la Generala Sekretario, kiu akurate respondos, ĉu la verko mankas aŭ ne en la jam ekzistanta dokumentaro.

Kun antaŭa danko.

ROLLET DE L'ISLE. 35, rue du Sommerard, Paris (V.)

# DIVERSAJ INFORMOJ.

**Deziras Korespondi:**

Franz Presselmayer, Hasengasse, 5. 11/14, Vieno X (Aŭstrujo).
George Lowekoviĉ, instruisto, Jovonovski trg 8, Novi-Sad (Jugoslav.)
K. Markelis, studento, gimnazio VI, Rokiskis (Lietuva).
Angel Mitev, lernanto en klaso sesa, Golskoj, Frimbeŝo, Tirnovsko (Bulgar).
Michel Ambros, Leninstadt, Zabalkanski, 53, Ruslando.
Ifeą Mum, II Vorgartenstr., 201/20, Vieno.
Franz Konrad, Krottenberg, poŝst. St. Stefan, Steiermark i. R. (Aŭstrujo).
T. Lakrewski, Warszawstr., Wilenska, 11/21, Polujo.
Georg Wünkheim, Freiburgerstr., 44/1, Breslaŭ, 3 (Germanujo), (poŝtmarkoj, poŝtkartoj, moneroj).
Raphael Nogueira, Carangola, Estado de Minas (Brazilio), professoro de kontoscienco ĝenerala; (PI, blf.).

**Via Devo... Grava:** Se vi aŭdas senpere aŭ per viaj lokaj radio-stacioj la staciojn de Anglujo, ni petas vian helpon subteni petskribon, kiun ni sendas al la Brita Brodkasta Kompanio, por instigi ilin fari brodkastojn en aŭ pri Esperanto. Skribu leteron al tiu kompanio, esprimante viajn dezirojn tiurilate, kaj montrante kiom utile estus, ke la anglaj radiosendaĵoj tiel trovu pli vastan komprenantaron. Kelkaj minutoj sufiĉos, sed la servo estos granda. Adresu al 5XX, ĉe Brita Esperantista Asocio, 17 Hart Street, London W. C. 1, Anglujo.

**Tutmonda Porblindula Ekspozicio** okazos dum Aprilo-Majo en Nov-Jorko kaj aliaj gravaj urboj de Usono, nia samideano, S-ro J. Benŝahar, Prezidanto de la Mondunuiĝo de Asocioj por Blinduloj, faras alvokon al ĉiuj Esperantistoj, por ke ili lin helpu organizi specialan Esperanto-angulon kaj montri, ke eĉ ĉe la blinduloj nia movado forte progresas.

Ili sendu porblindulaĵojn Esperantan kaj nacilingvajn, ne aferojn, kiuj ne havas rilaton al la blindularo. Post la ekspozicio ĉio estas transdonata al la loka Blindula Muzeo, por starigo tie de Esperanto-Fako. Adreso: Prof. J. Benŝahar, Prezidanto de la «World Union of Asociations for the Blind, Inc., «Esperanto - servo», 455 W. 42nd Street, New York City, U. S. A.»

**Internacia Scienca Asocio Esperantista** aperigas «Bultenon», kiun ĝi senpage sendas al siaj membroj. Por aliaj Esperantistoj la abono kostas 0.5 dolaro. La unua numero enhavas informojn pri la organizo kaj laborado de la I. S. A. E., kaj interesajn klarigojn kaj konsilojn pri la verkado de la Teknikaj Vortaroj. Abonejo ĉe S-ro C. Rousseau, Place de la République, Levallois-Peret (Seine), Francujo.

**Internacia Medicina Revuo**, oficiala organo de Tutmonda Esperantista Kuracista Asocio (T. E. K. A.), reaperis en nova, impona vesto! Ni havas antaŭ ni la du kajerojn de la nuna jaro. La unua numero enhavas 60 paĝojn da teksto ,la dua 48. Eldonisto: D-ro Briquet, rue de Bassée, 31, Lille (Francujo). Abonprezo: 1.50 Dolaroj. Ni multe konsilas niajn kompetentajn samideanojn, ke ili senprokraste intertraktu kun suprenomita eldonanto por havi pluajn informojn pri la asocio kaj pri ĝia gazeto, kies praktikan valoron ni tre alte taksas.

**La Katolika Internacia Kongreso** okazos en Spa de la 13a ĝis la 16a de Aŭgusto 1926.

---

# SOLVOJ DE LA PROBLEMOJ.

**JANUARO.**

**N. 1. Krucvorta problemo: Horizontale:** 1. kablodepeŝ; 10. amaŭroz'; 11. ut; 12. varmigil'; 14. arĉ'; 15. karp'; 16. li; 17. ondeg'; 19. elektad'; 21. ot; 22. rit'; 23. il'; 24. ara'; 25. is 26. lift'; 28. ov'; 30. rut'; 32. nuks'; 33. bute'. — **Vertikale:** 1. kavalerian'; 2. amarilis; 3. barĉ'; 4. lum'; 5. orientil'; 6. dog'; 7. erikej'; 8. eu; 9. ŝtupetar'; 13. lag'; 17. ok; 18. dali'; 20. et; 21. or'; 24. atut'; 27. fru'; 28. ok; 29. V. S.; 31. te'.

**N. 2. Akrostikaĵo:** la belgoj estas la plej bravaj el ĉiuj gaŭloj.

**FEBRUARO.**

**N. 3. Krucvorta problemo: Horizontale:** 1. elpelindul'; 10. kaolin'; 11. api'; 12. zumad'; 13. rut'; 14. ar'; 15. kar'; 18. po; 19. mandaren'; 21. ec; 22. unik'; 23. ŝr'; 24. botel'; 25. e. i.; 26. erp'; 27. skler; 31. svis'; 32. teknografi'.

**Vertikale:** 1. ekzamenist'; 2. laŭrac'; 3. pom'; 4. ela; 5. lidkant'; 6. in'; 7. dar'; 8. upup'; 9. litotripsi'; 16. ariet'; 17. rekl-am'; 20. duoden'; 23. ŝerif'; 26. eva-ngeli'; 28. ke; 29. l. k.; 30. ro; 31. s-ro.

**N. 4. Reordigu la literojn:** 1. ĉefdruido; 2. dorskorbo; 3. transmeti; 4. katastrofo; 5. Aleksandro; 6. lacerttruo; 7. pioniroj. — FRATECO.

N. 5. ĉevalo.

# BIBLIOGRAFIO.

STEDELIJKE VOLKSBOEKERIJEN VAN ANTWERPEN. — CATALOGUS, 1e Aanhangsel. Blindenstraat, 19, Antverpeno. Aldono al la katalogo de la Urba Popola Biblioteko, — 84 paĝoj 14 × 21 cm. — Enhavas interalie titolaron de sepdeko da nove akiritaj Esperanto-libroj en la mondlingva sekcio.

ONTSTAAN EN ONTWIKKELING DER STEDELIJKE VOLKSBOEKERIJEN VAN ANTWERPEN; 1865 - 1925, de AD. MOONS. — Eldonita de la firmo: Ruquoy, Delagarde & Van Uffelen, Brederodestraat, 191, Antwerpen, 1925. Kun enkonduka parolo de Lode Baekelmans. — 96 paĝoj de 22.5 × 14 cm. Prezo: nemontrita. — Tre interesa kaj plej detala historio de la Popola Biblioteko de la urbo Antverpeno. Ĉiu plej malgranda progreseto en la funkciado de tiu utila institucio estas zorge notita. Ekzemple ni trovis en ĝi,ke en la katalogo de 1910 estas unuafoje presite, ke ekzistas, je la dispono de la legema publiko, kolekto da libroj kaj revuoj en Esperanta lingvo.

OFICIALA ALMANAKO DE LA TUTMONDA POLICA LIGO KAJ TUTMONDA LIGO DE LA ORDO. — IIa Jaro. Redaktis A. H. De Marich T. P. L. Ĝenerala Direktoro de la Tutmonda Polica Ligo. — Wien. — Eldonis: «La Policisto». 1925. — 976 paĝoj de 21 × 13 cm. — Senpage sendata al la membroj de la du supreciitaj Ligoj. — Mirigita oni tre certe estas, vidante tiun grandiozan jarlibron kaj pensante pri la sumo da laboro kaj penado, kiun ĝi reprezentas! Oni apenaŭ povas imagi, ke ĝin kunmetis unu homo. — La libro montras plej elokvente la tutan vivon de la organizaĵo kreita kaj kondukata de nia malnova samideano de Marich. Taŭgan kaj detalan priskribon de la almanako ni ne povas doni: Ĉiu propagandisto sendu tuj kotizon de Fr. 15 al «La Policisto», Mariahilferstrasse No 105, WIEN, VI, (Aŭstrujo).

ORIENTO No 1. — Monata ilustrita revuo en Esperanto. — Eldonis Esperanta Eldona Kompanio «Oriento», Novij-Gorod, P. O. Box 35, Ĥarbin, Manĝurio, Ĥinujo. 114 paĝoj: 19 × 25 cm. Prezo: Us. Dol. 0.50. Agentejo en Belgujo: Belga Esperanto - Instituto, Koopera Soc., Antverpeno (Poŝtĉeko: 1689.58).

Nia bonega samideano I. Seriŝev, aŭtoro de la antaŭmilita libro «Siberio» ekentreprenis, eldonante tiun novan revuon, unu el la plej interesaj aferoj iam viditaj inter la Esperantistoj. Vere vivantan bildon li donas al la Esperantistaro de la historio, de la civilizado, de la literaturo, de la komerco en la t.n. «Orientaj Landoj». La unua numero de «Oriento» enhavas belegajn dokumentojn pri Ĥinujo, Japanujo, Koreujo, Formoso, Mongolujo, Tibeto, kaj Siberio.

ORGANIZA STATUTARO. — Esperantista Dokumentaro pri la Oficialaj Historiaj, Bibliografiaj kaj Statistikaj Aferoj. Eldonita de la Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado. Genève, 12, Boulevard du Théatre. 1925. — 32 paĝoj (12 × 17 cm.) Prezo: 4 respondkuponoj.

Enhavo: 1. Kontrakto de Helsinki. — 2. Regularo de la Kongresoj. — 3. Regularo de K. R. — 4. Statuto de U. E. A.

ESPERANTISTA DOKUMENTARO PRI LA OFICIALAJ, HISTORIAJ, BIBLIOGRAFIAJ KAJ STATISTIKAJ AFEROJ. — Deksepa Universala Kongreso de Esperanto. (Genève, 2-7 Aŭgusto 1925.) Eldonita de la Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado. 12, Boulevard du Théâtre, Genève. — 48 paĝoj de 25 × 16.5 cm. — Prezo: 4 respondkuponojn.

TASO DA «OVOMALTINO» FORTIGAS ANKAŬ VIN. — 8-paĝa propagandbroŝuro eleganta. 13 × 20.5 cm. Eldonita de D-ro A. Wander S. A., Bern, fabrikisto de la nomita produktaĵo.

INTERNACIA LERNEJO DE ĜENEVO. — Kvarpaĝa folieto de 14 × 22 cm. Prospekto pri la edukejo antaŭe citita. Senpage havebla de S-ro Meyerhoffer, Direktoro, 6 Rue Charles-Bonnet, Genève.

LA LEIPZIG-A MONDFOIRO. - Bela ilustrita propagandbroŝuro pri la foiro de Leipzig. 16 paĝa: 16 × 22.5 cm. kaj kvarpaĝa flugfolieto 20 × 30 cm. pri la ĝenerala kaj pri fakaj foiroj en Leipzig. — Senpage haveblaj de Leipziger Messe, Frankfurt.

L'ESPERANTO ET SES CRITIQUES. — Examen de quelques objections idistes par W. E. Collinson. Professeur de linguistique à l'Univ. de Liverpool. (Traduction de l'anglais.) 12paĝa broŝuro de 13.5 × 21.5 cm. Prezo: ne montrita. — Taŭga kolekto da argumentoj kontraŭ la t. n. teorio de Ido. Ĝin devas posedi ĉiu propagandisto. Ni plie konsilas al ĉiuj idistoj por ke ili ĝin zorge legu.

HOMARO. — Unua Kajero. Aperas laŭ eblo, kiu dependas de la akcepto kaj aĉetado de ĉi tiu kajero kaj sekvontaj ; se la samideanoj sin montrus favoraj je ĉi tiu entrepreno per aĉetado de ĉi tiu kajero, tuj aperus la dua, tiel interesa kiel ĉi tiu. Adreso: Julio Mangada Rosenörn. Glorieta de Bilbao, 5. Madrid - Hispanujo. Broŝureto de 20 paĝoj de 10.5 × 15.5 cm. Neabonebla, nur aĉetebla: Prezo: 1 frankon.

HEBREA PROGRESO EN PALESTINO. — Prezentita al la 17-a Tutmonda Kongreso de Esperanto en Genève en Aŭgusto 1925 de la Centra Cionista Organizaĵo. 16paĝa broŝuro de 15.5 × 25 cm. kun multaj ilustraĵoj. Senpage havebla de la Centra Cionista Organizacio, London W. C. 1, 77 Gt. Russell Street, Anglujo. Tre interesa kaj bela dokumento.

INFORMILO POR JUNAJ ESPERANTISTOJ. — Eldonita de la Esperantista Junularo, A. Neupert, Leipzig - Möckern, Wedellstrasse, 17 (Germanujo). 1925. 48 paĝa broŝureto de 8.5 × 12.5 cm. Prezo: 1 Fr. Tiu broŝureto enhavas multajn utilajn informojn precipe pri la movado Esperanta inter la junuloj. Ĝi estas havebla ankaŭ ĉe S-ro W. De Schutter, ĉefdelegito de Esp. Junularo por Belgujo, Touwstraat, 30, Antverpeno.